


# INTERNACIA ĴURNALISTO





ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

jaro 25 · n-ro 2 · 1986

## TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)



Red. „INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: **Ĉefredaktoro** - Ivan Keremidĉiev – Esperov, 1680 SOFIA, kv. Borovo, bl. 219, vĥ. B, Bulgario; tel. 56-58-77

**Redaktoroj:** Nikola Aleksiev, Donĉo Ĥitrov

**Korektis:** Rumjana Georgieva

**Teknika aranĝo:** Evgeni Georgiev

**Administranto:** Verka Ŝtajner

ENHAVO DE N-RO 2 – 1986



Sur la unua kovrilpaĝo: **Popola Kulturpalaco »Ljudmila Ĵivkova« – Sofio. En ĝi okazis sesio de Monda Packonsilantaro (MPK) inter la 24-a kaj 27-a de aprilo 1986.**

*Foto: Iv. IVANOV*

---

**Bibliografio de Esperanto kaj Interlingvistiko**

Kunlaboru al la pretigo de kiel eble plej kompleta bibliografio de Esperanto per la sendo de specimena ekzemplero de ĉiuj viaj eldonaĵoj: libroj, gazetoj, grup-informiloj, raportoj, kongrasaĵoj, reklamiloj, ktp. Adreso: CDELI: Bibliografio de Esperanto, Biblioteko de la Urbo, Poŝtfako 5038, CH-2300 La Chaux-de-Fonds 5, Svislando.

---

**Karaj TEĴA- kaj ILEF-anoj Por pli riĉenhava kaj interesa »INTERNACIA ĴURNALISTO« aktive kunlaboru per diversspecaj ĵurnalismaj materialoj. Ni atendas viajn kontribuaĵojn. Antaŭdankon**

## AL NOVAJ HORIZONTOJ DE LA PACBATALO!

Grandan intereson montris la bulgaraj kaj la eksterlandaj ĵurnalistoj al la laboro de l' sesio de Monda Packonsilantaro (MPK) en Sofio dum la periodo 24-27-a de aprilo j.k. Pli ol 270 el ili kolektiĝis en la bulgara ĉefurbo por sekvi la laboron de la sesio. Organizita estis speciala gazetara servo, kiu ĉiumaniere faciligis la taskojn de la ĵurnalistoj: ricevi informojn, necesajn literaturaĵojn, renkontiĝi kun diversaj elstaraj personoj por preni de ili intervjuon, peti artikolojn de konataj gvidantoj de landaj packomitatoj al aliaj pacorganizaĵoj, fari dosieron de fotoj ktp.

Oni povas praviĝi tiun intereson de la ĵurnalistoj. La sesio prenis gravajn decidojn pri la estonta agad-linio de MPK, pri perfektigo de ties inform-propaganda aparato, pri plibonigo de la organiza kaj financa stato de MPK.

La intereso al la laboro de l'sesio estis provokita ankaŭ pro la ege streĉita internacia situacio, pro la aventurisma rilato de la usona registaro al la propono pri moratorio de la nukleaj provekesplodoj, pro la agreso de la usona armeo kontraŭ Libio, malgranda araba lando, membro de Unuiĝintaj Nacioj.

Sub tiuj cirkonstancoj la sesio de MPK laboris tre streĉe, tamen fruktodone. En ĉiuj plenkunsidoj, komisionoj kaj laborgrupoj sian opinion pri la nuna stato kaj pri la necesaj ŝanĝoj porestonte esprimis reprezentantoj de pacmovadoj el ĉiuj mondpartoj. Regis plena unuanimeco dum la diskutoj. Pri ĉiuj gravaj punktoj el la tagordo oni venis al kolektive ellaboritaj proponoj, adoptitaj fine de la plenkunsido. Tiu kolektiveco kaj unuanimeco estas garantio pri estonta utila kaj nobla agado de MPK.

Kiel prezidanto de MPK estis reelektita la konata tra la tuta mondo s-ro Romesh Chandra. Per sia abnegacia porpaca agado dum multaj jaroj frunte de MPK li plene meritis tiun esprimon de fido al li kaj al liaj kvalitoj de gvida figuro en la plej prestiĝa monda pacorganizaĵo.

Nia kolego Nikola Aleksiev estis membro de la delegitaro de Mondpaca Esperantista Movado (MEM) en la laboro de l' sesio. Ĉefo de la delegitaro estis d-ro Imre Pethes, prezidanto, kaj Vasja Cvetkova, sekretario de Mondpaca Esperantista Movado. Ili triope havis eblecon en



*La deligitaro de MEM*

diversaj kunsidoj kaj renkontiĝoj klarigi la celojn de la esperantista pacagado, informi pri diversaj esperantistaj pacaranĝoj kaj popularigi la antaŭstarantan centjaran jubileon de Esperanto.

Al la ĵurnalistoj kaj aliaj partoprenantoj en la sesio, la delegitaro de MEM disponigis flugfoliojn en angla kaj franca lingvoj pri Esperanto kaj ties uzado por la celoj de interkompreniĝo de la popoloj, por progreso kaj kunlaborado, por la celoj de la pacbatalo en diversaj landoj kaj en la internacia porpaca movado.

„IĴ"

## PRI LA ESPERANTO-KULTURO

Mi volas hodiaŭ tuŝi problemojn de Esperanto-kulturo. Siatempe mi sendis inviton al nia agnoskita majstro de E-kulturo Baldur Ragnarsson kun peto skribi artikolon por "IĴ", prezentante siajn gravajn ideojn antaŭ E-ĵurnalistoj. Bedaŭrinde mi ne ricevis respondon kaj ne vidis lian artikolon en "IĴ". Povas esti, ke kulpas poŝto, povas esti iuj aliaj kaŭzoj. Tio tamen nenion deprenas de la graveco de la problemo. Kaj iu devas nepre ĝin alfronti, tuŝi, heroldi. Fakte, tio estas unu el la plej aktualaj temoj por E-ĵurnalismo.

Jen Vilmos Benczik – la ĉefredaktoro de "Hungara Vivo" skribas en n-ro 6/1985 (p.210) de "HV":

"Ni devas diri, ke lastatempe nia vendado iomete stagnas. Necesas do, ke literaturamantoj ĉie alvoku la atenton de aliaj esperantistoj pri niaj libroj. Kaj se necese, ili kunlaboru por kolektado de mendoj, organizado de perado".

Tiu avizo ne estas ŝerco. La elstara redaktoro-ĵurnalisto V.Benczik sin turnis al „literaturamantoj". Sed literaturamanto devas esti ĉiu esperantisto. Kaj E-ĵurnalisto unuavice, ĉar E-ĵurnalistoj estas kreantoj de soci-opinio. Ĉiu el ili havas la vastan taskon – batali por paco, firmigi kaj akceli la laboron de MEM kaj MPK. Kaj samtempe li havas malvastan taskon, ligitan kun la lingvo, kun Esperanto. Kaj kiu estas tiu malvasta tasko? Oni tuj diros: "Disvastigi la lingvon". Sed disvastigi la lingvon oni povas diversmaniere. Oni povas disvastigi per reklamo: "Ĉiuj lernu la plej facilan, belsonan, helpan, internacian lingvon. . .!"

Sed oni agu pli konscie, pli ĵurnalisme kaj pli celtrafe. Vere, la ĵurnalisma vojo por komprenigi urĝan kaj kernan neceson eniri la movadon por Internacia Lingvo estas samtempe pli sagaca kaj pli reala. Por ĵurnalisma agadstilo estas pli konvena vojo – levi la kulturan nivelon de la movado. Kaj sur tiu vojo staras kiel lumturo la ĉefa atributo de kulturo: la Libro! Ĵurnalisto ne povas preteriri tiun turon, kaj ne povas ne rimarki, ke la apelo de V.Benczik estas alarmiga. Ni haltas kun demando: do, kion fari? Por tio necesas sin turni al nia ĵurnalista rondo, aŭskulti kion diras la kolektivo, kion diras la socia opinio.

Kaj mirinde, ĉiam, kiam aperas bezono, la vivo tuj sufloras solvon. Principe, E-libroj devas esti verkataj, E-libroj devas esti presataj kaj eldonataj. Sed por tio ili devas esti disvendataj.

Multaj esperantistoj estas okupataj pri lernantoj, instruado, instru-metodikaj problemoj. Sed, karaj amikoj! Se E-libroj kuŝas sur bretoj de deponejoj, por kio do estas lerno kaj instruo? ! Kaj kiom ajn strange tio aspekto neniu el la movado okupiĝas serioze pri disvastigo de libroj. Kaj ne forgesu, ke la kvanto de kreataj kaj legataj libroj estas unu el la ĉefaj indikiloj pri kultura nivelo de socia grupo.

Mi vidas du vojojn por levi la kulturan nivelon de la movado.

La unua vojo. Ĉiu E-klubo devas havi bibliotekon. Ĝi estas kultura nesto de la klubo – akumulas kaj disdonas librojn por legado. Sed la kluba biblioteko devas havi pli vastigitajn funkciojn. Nome, ĝi devas zorgi pri akiro de ĉiuj novaperintaj libroj. Por tio la biblioteko devas disponi je certa parto de klubaj kotizoj. Sed ĝi devas ankaŭ kolekti, ordigi ricevatajn arkivojn de klubanoj.

La dua vojo estas tute ĝustatempe menciita de nia siberia TEĴA – ano Bronislav Ĉupin (Kemerovo). Tio estas kluba revuo. Pri ĝia rolo kaj enhavo li tre bone prezentis la aferon, ĉar li mem estas redaktoro

de kluba revuo. Certe ankaŭ ĉiuj nomeroj de kluba revuo devas esti loko por mencii novajn librojn, por pridiskuti legitajn librojn.

Libroj ne devas kuŝi sur bretoj. Kaj eldonistoj ne devas SOS-signali pri stagno de librovendado.

La E-kluboj devas tuj aĉeti eldonitajn librojn. Nur tiam estos certigita normala fluo de librostoko: verkado — eldonado — legado, normala por ĉiu kultura soci-grupo.

Nikolaj DANOVSKIJ

## ESPERANTO EN LA „TRIA MONDO”: FAKTOJ KAJ ŜANCOJ

Estas konata vero inter esperantistoj, ke Zamenhof sukcesis vivigi sian lingvon, ĉar li komprenis la fundamentan gravecon de la rolo de lingva komunumo, de la parolantoj de difinita lingvo rilate la destinon de la lingvo mem. Multaj esperantologoj konsentas pri tio, ke Esperanto postvivis sian iniciatinton ne pro struktura perfekteco, sed pro ekzisto de komunumo, kiu ligis al la lingvo ne-lingvajn idealojn. La tuta preskaŭ centjara historio de tiu komunumo montras ĝian rezistokapablon kaj ĝian konkero-kapablon. Temas, kompreneble, pri paca konkerado de mensoj, kie ajn sin prezentas ŝancoj por tio.

Ni plenrajte fieras pri la disvastiĝinteco de nia komunumo en miloj da urboj, kaj en dekoj da landoj: tiom pli ni rajtas fieri, se ni konsideras, ke ĝi estas rezulto nur de sindediĉo de centmiloj da homoj, kiuj laboris kaj plue laboras en tre malfacilaj kondiĉoj meze de indiferento kaj kontraŭ potencaj faktoroj. Tio, tamen, rilatas nur al la „unua” kaj „dua” mondoj, por uzi laŭmodan, neprecizan, sed tuj efikan disdividon de nia terglobo. En la „tria mondo” nia komunumo, kaj ĝia lingvo, estas tre subreprezentataj. En la unuaj jardekoj de ĉi tiu jarcento estis apenaŭ eble paroli pri la internacia lingvo al afrikanoj, azianoj kaj parte ankaŭ al sudamerikanoj. Ili havis tiom da pli urĝaj problemoj, ili apenaŭ „ekzistis”, tio estas: la kultura vivo en tiuj landoj estis tute sufokata de koloniistaj elitoj, kiuj klopodis planti tie sian metropolan kulturon. Sed en al lastaj jardekoj, post la fino de koloniismo, afrikaj, aziaj kaj sudamerikaj landoj ekaperis en la internacia scenejo, kaj komencis vivi sian memstaran vivon eĉ se inter ĉiuspecaj problemoj. Prave, do, ĝuste en ĉi tiu periodo la Esperanto-movado venis al analizado de la situacio de Esperanto ekster Eŭropo kaj al klopodoj por ŝanĝi tiun situacion.

Ĉi tiu agado daŭras en la ĝis-nuna formo proksimume la lastajn dek jarojn, kaj ni ekzamenos ĝin ĉi-sube post bird-okula trarigardo de la nuna pozicio de Esperanto en la priparolataj mondopartoj.

### Azio

Esperanto eniris Azion jam komence de

ĉi tiu jarcento, sed ĝi enradikiĝis kaj floris nur en kelkaj landoj: Ĉinujo, Japanujo, Vjetnamujo kaj Koreujo. En tiuj landoj nun ekzistas fortaj movadoj, kiuj sukcesas kontraŭpezi la forton de la movadoj en eŭropaj landoj.

En aliaj aziaj landoj estas nur sporadaj aretoj da esperant-lingvanoj, kaj en kelkaj kazoj nur malmultegaj izoluloj.

Lastatempe la movado vigliĝis en Hindujo, en Pakistano kaj en Irano. En Hindujo deko da lokaj Esperantogrupoj, lastatempe kuniĝintaj en landan federacion, estas parte fruktoj de la semoj plantitaj de sinjorino Haudebine (kiu vivis tie longajn jarojn) kaj parte rezultoj de la agadoj de entuziasmaj hindoj aperintaj dum la lastaj jaroj.

En Pakistano ekzistas promesoplena organizaĵo, kiu sukcesis eĉ eldoni lernolibron en la urdua, kaj jam disbranĉiĝas en kelkaj lokaj grupoj. La ekapero de amas-karaktera movado en Irano antaŭ kelkaj jaroj estas ĉefe dankinda al la agado de unu homo, d-ro Saheb-Zamani, kiu kapablis utiligi sian socian prestiĝon por atingi amaskomunikilojn, universitatojn ktp. Pro la progresemaj, kontraŭimperiismaj idealoj, kiujn la irana movado havis de la komenco, ĝi travivis la nacian „revolucion" post la forpelo de la ŝaho. Espereble la evoluo de tiu lando ebligos plifirmiĝon de Esperanto post tiom flagra starto.

### Arablingvaj landoj

Pro kialoj ne tute kompreneblaj la internacia lingvo neniam renkontis grandan simpation, lernpretecon, apogojn en mezorientaj kaj nordafrikaj arablingvaj landoj. Siatempe ekzistis organizaĵoj en Maroko kaj kursoj en Egiptujo, sed temis pri faroj de eŭropanoj loĝantaj tie.

En la nuna momento ekzistas nur ne organizitaj grupetoj de esperantistoj en preskaŭ ĉiuj tiuj landoj de Jemeno al Maroko, sed ili ne sukcesas vastigi sian nombron aŭ influon al la ĉirkaŭa socio. La plej agema rondo troviĝas en Damasko kaj laboras por pretigi Esperantan-araban vortaron. Kontaktoj kun la araba organizaĵo por kulturo kaj scienco (ALECSO) estas tre bonaj, sed ili ĝis nun ne portis konkretajn rezultojn. Male, en Israelo ĉiam estis relative forta movado. Kompreneble ĝi estas forŝlosita el kontaktoj kun esperantistoj en la najbaraj landoj.

### Afriko

Afriko el nia vidpunkto estis ĝis antaŭ kelkaj jaroj nur insulo norde de Malagasujo. Fakte nur en Malagasujo, danke al la agado de kelkaj francaj esperantistoj en la 30aj jaroj, ekzistis relative vasta esperantlingva komunumo. Bedaŭrinde pro la granda distanco ĝi estas tute enfermita en si mem, kaj kiel okazas en malgrandaj fermitaj vilaĝoj oni ĉefe pasigas la tempon per internaj kvereloj. Ne pasas jaro sen fondo kaj malfondo de almenaŭ du novaj inter si rivalaj Esperanto-organizaĵoj.

Lastatempe sekve de kunordigita informkampanjo ekestis viglaj komencantaj movadoj kaj en la landoj de la okcidenta kaj en la landoj de la orienta marbordoj.

**Suda Ameriko**

En multaj sudamerikaj landoj vivas multnombraj esperantlingvaj komunumoj. Foje, laú nombro, la tiea movado superas tiun en pluraj okcidenteúropaj landoj. Ilia ĉefa problemo estas la malproksimeco de la movadaj centroj kaj la sekva manko de sento pri aparteno al tiu tutmonda movado. Malgraú niaj pretendoj al solvado de ĉiuj mondaj problemoj per la internacia lingvo, ni ofte eĉ ne sukcesas solvi problemojn de interkompreniĝo kaj interproksimiĝo en la movado mem. Libroj eldonataj en Eúropo tre malrapide kaj en ne sufiĉa kvanto atingas Brazilon aú Japanujon kaj inverse.

La Universala Kongreso en Brazilo helpis proksimigi la sudamerikajn esperantistojn al la alikontinentaj, kaj helpis almenaú konsciigi la eúropajn esperantistojn pri la ekzisto de fortaj Esperanto-komunumoj en Suda Ameriko.

**Pasinta kaj estonta agado de UEA-TEJO**

Dum la lastaj jaroj la agado de la centraj instancoj de la movado baziĝis sur sistema kuraĝigo de la kernoj agantaj en triamondaj landoj. Oni korespondis kun ili, konsilis ilin, sendis al ili informan kaj instruan materialon. Temis pri „rutina" agado, kiu montras siajn rezultojn nur en la daúro de la tempo. Ĝi ne apartenas al tiuj agadoj, kiuj promesas „la finan venkon" dum la posta monato, nek al tiuj agadoj, kiuj celas atingi tujan kaj grandan prestiĝon por la lingvo (agnosko fare de ŝtat-prezidantoj, funkciuloj de internaciaj organizaĵoj ktp.).

Ĉio-ĉi kune kun sendado de lernolibroj al ĉiuj triamondaj inform-petintoj, portis kelkajn rezultojn, kvankam ankoraú malgrandajn kaj ne ĉiam rekte atribueblajn al tiu agado.

Ni citu nur unu ekzemplon. La Esperanto-movado en Kubo jam organiziĝis kaj ĝi aliĝis al UEA kaj ekpartoprenas la internacian esperantlingvan vivon. Certe tio ŝuldiĝas al la favoraj cirkonstancoj en Kubo, al la laboro de kelkaj tieaj entuziasmuloj, al la favoraj reeĥoj el socialismaj landoj, kiujn ricevis kubaj registraraj instancoj okupiĝantaj pri la problemo. Sed tio parte ŝuldiĝas ankaú al la daúra kontaktado de kubaj esperantistoj fare kelkaj funkciuloj de UEA-TEJO jam de antaú dek jaroj. Oni sendis hispanlingvajn librojn, vortarojn, informilojn. Oni daúre sekvis la evoluon kaj klopodis reflamigi estingiĝontan vervon, trovi la financajn rimedojn por helpi en ĉiu ebla maniero. Kaj jen finfine venas rezulto.

Same, kiam Hinda Esperanto-Asocio (aú Federacio de Esperanto en Bharato, aú la nomo, kiun ĝi alprenis) paradas en la jarlibro, oni certe ne rajtas forgesi, ke por tio kelkaj homoj jam laboras de jardekoj.

Turnopunkto por la priparolata agado estis kunveno pri „Landa Agado" (tio estas la ne tuj signifomontra kodnomo, kiun aktivuloj uzas) okazinta dum la Universala Kongreso en Stokholmo. Tie oni decidis aldoni al la „normala" respondado al informpetoj kaj alsendado de instrumateri-

alo al petintoj, novan pli aktivan agad-branĉon.

Esence temas pri „atako" de nur unudu landoj en ĉiu kontinento ĉiun jaron pere de inform-kampanjoj lanĉataj el Eúropo. Praktike oni aperigas serion de gazetaj anoncoj kaj artikoloj en la cel-landoj, kaj respondas ilin per lernolibroj kaj informiloj. Ne ĉiuj ricevantoj de tiuj lernolibroj lernas, sed ankaú ne ĉiuj ricevintoj de la unua tia dissendo farita de Zamenhof lernis. La rezultoj, ĉefe en Afriko, ne mankas. Intertempe ankaú la „tradicia" agado estis rearanĝita por atingi pli da efikeco. Ĝis antaú kelkaj jaroj nur unu komisiito faris la korespondan laboron, dum la Centra Oficejo faris la enpakan kaj sendan laboron. La mono por la tuto venis el la Fondaĵo Azio-Afriko. Nun kvar homoj respondecas pri rilatoj respektive kun Azio, arablingvaj landoj, Afriko kaj Suda Ameriko. Krom la Fondaĵo Afriko-Azio plufunkcianta en Roterdamo ĉe la Centra Oficejo, alia Fondaĵo starigita en Tokio ĉe Japana Esperanto-Instituto, sed kun partopreno de ĉiuj japanaj esperantistaj organizaĵoj liveras la financajn rimedojn. Finfine japanoj sukcesis organize konkretigi sian intereson je la disvastiĝo de Esperanto en aliaj aziaj landoj. Ne subtaksinda, kaj ne subtaksata estas la kontribuo, kiun povas doni esperantistoj kaj esperantistaj instancoj en socialismaj landoj.

Budapeŝto jam disponigis sian preskapablon por kamboĝa vortaro kaj por vjetnama lernolibro. Ĉeha Esperanto-Asocio siatempe disponigis centojn da „Paŝoj al Plena Posedo" por triamondaj esperantistoj. Bulgara Esperantista Asocio pretas helpi kaj por la vjetnama lernolibro kaj por turklingvaj lerniloj.

Siatempe jugoslavoj ankaú destinis parton de la mono restinta post la Beograda kongreso al Fondaĵo Evolulandoj, kiu helpis financi eldonon de lernolibroj en kelkaj lingvoj.

Sed ekzistas ankoraú grandaj agadeblecoj, ankaú por unuopaj esperantistoj kiuj minimume povus sisteme korespondi kun triamondaj esperantistoj por helpi ilin eliri el sia izoleco, kaj ligi tiujn homajn rilatojn, kiuj estas la plej bona garantio pri plua restado en la movada komunumo.

Varbado de triamondaj studentoj, kiuj multas en ĉiuj socialismaj ĉefurboj, estas alia agad-kampo.

**Kial ĉi tiu agado?**

Ofte oni aúdas kritikojn pri la koncepto mem, sur kiu baziĝas ĉi tiu tuta agado. La plej bona maniero por konvinki afrikanojn – oni argumentas – estas laborado por ke Esperanto grandskale akceptiĝu en Eúropo. Tiam aliaj kontinentoj sekvos. Ĝis nun ili ja ĉiam sekvis nin.

Certe, se morgaú eúropaj registaroj decidus enkonduki Esperanton en ĉiujn lernejojn, tio fortigas la pozicion de nia lingvo ankaú en aliaj mondopartoj, sed ... Unuflanke ŝajnas preferinde apogiĝi sur la propraj fortoj, kiuj povas porti al pli firma progreso ol eble neniam venontaj registaraj decidoj, kaj aliflanke necesas jam konvinkiĝi ke la mondo iĝas pli plurcentra kaj ke ne necese iu antaúiras kaj iu alia sekvas.

Ĉu ekzistas sukcesoŝancoj por tia agado? Ĉu ni, kiuj malsukcesas disvastigi Esperanton en, ekzemple, Svisujo, povas sukcesi en Nepalo?

Kun ĉiuj eblaj limigoj,mi tamen respondas, ke jes. Niaj ĉefaj aliancanoj en tiuj landoj estas la „freŝeco" la manko de antaŭjuĝoj, la lernemo, la sincera deziro je progreso de la tieaj homoj.

Ni ne forgesu, ke similaj faktoroj estis tiuj, kiuj permesis la ekeston de nia movado fine de la pasinta jarcento en Eŭropo inter la laborista kaj etburĝa tavoloj de la tiamaj socioj.

Esperanto estis iniciatita kiel tutmonda lingvo, kaj ĝi pluhavas ĉi tiun universalisman pretendon. Ĉi-cele iĝas pli kaj pli malarĝaj niaj horizontoj kaj maladekvataj niaj fortoj, se ni daŭre priatentas nur la malnovajn mondopartojn. Jam nun ĉiuj internaciaj organizaĵoj (UNO, Unesko ktp.) havas pli larĝan membro-bazon ol nia UEA, kaj tio estas tre danĝera signo.

Renato CORSETTI,
El „Der Esperantist" 1/1986

---

## INTERNACIA ĴURNALISTA RENKONTIĜO



Omaĝe al la Esperantistaj veteranoj, la pertoprenantoj de la "Internacia Foira Esperantista Renkontiĝo" (IFER) kantas popularan internacian kanton. Tiu ĉi aranĝo okazis de la 14-a ĝis la 16-a de marto 1986 en Leipzig, GDR, sub la ĉeftemo "Leipzig - urbo de la laborista Esperanto-movado". Antaŭ 75 jaroj estis fondita en tiu urbo la "Germana Laborista Esperanto-Asocio". Pri tio memoris la tuta bone organizita aranĝo. Partoprenis en ĝi 252 geesperantistoj el 12 landoj, i.a. ankaŭ la estrino de la Esperanto-sekcio de la Internacia Libro-Komerca Kompanio de VR Ĉinio, s-ino Zhou Qian-yun.

Dum ŝia restado en Leipzig la ĉinino ankaŭ uzis la okazon partopreni en ĵurnalista fakrondo, kiu kunvenis kadre de IFER. Dek kolegoj el tri landoj interŝanĝis spertojn pri la redaktado de Esperanto-revuoj. Interalie ĉeestis Rudolf Burmeister, ĉefredaktoro de "Verda Lupeo", Joachim kaj Sabine Schulze, geredaktoroj de "Saksa Kuriero", Eduard Weichmann, redaktoro de "LEA-informilo", Thomas Bormann, ĵurnalisto el FRG, kaj kelkaj aliaj samprofesiuloj. Venontjare oni denove kunvenos samurbe, denove kadre de IFER. Ĝi okazos de la 13-a ĝis la 15-a de marto 1987 en Leipzig.

J.SCHULZE

# TRA LA AMASKOMUNIKILOJ

## TERORISTOJ KAJ MURDISTOJ

## ESPERANTA FINNLANDO

Sub la titolo „Mesaĝo al niaj svedaj gesamideanoj" la organo de finnlandaj e-stoj "Esperanto Finnlanda" (N-ro 1/1986, marto) esprimas de profundan kondolencon okaze de la terura murdo de la sveda ĉefministro Olaf Palme far de reakcia teroristo (la 1-an de marto j.k.). „...Liaj idealoj estis libereco kaj respondeco, progreso kaj egaleco, paco, solidareco kaj neagreso: homeco..." ni legas pri la viktimo. Do-Palme estis torĉoportanto en la mallumo. La popolo diras, ke la nokta birdo gufo malamegas la lumon. Tial la gufo-teroristoj murdis la ĉefministron. Ankaŭ ni, TEĴA-anoj, kune kun ĉiuj demokratiaj popoloj kaj esperantistoj esprimas niajn kondolencojn al la svedaj popolo kaj esperantistaro.

Simila terura krimo estis la atenco de la turka faŝisma teroristo Akĝa, kiu vundis la papon en Romo kaj kalumniis tri senkulpajn bulgarojn kiel liaj kunkomplotantojn—instigantojn. Pri tio legu aliloke en „IĴ."

## DIAGNOZOJ KAJ REAGOJ

La informilo de la Kroatia E-Ligo – „Tempo"(n-ro 4/1985) sub la titolo „Mirige malĝusta diagnozo" reagas al la artikolo de Zl.Tiŝljar „La ĝusta diagnozo" („Tempo", 2/3,1985) per la opinio de la elstara e-stino Em. Lapenna tiel: "...la homaro ne konsistas el geniuloj, sed el meznivelulоj en ĉiuj landoj kaj agadkampoj .... Esperantistaj funkciuloj ne estas geniuloj, malgraŭ tio la movado devas multe danki al ĉiu eĉ la plej meznivela fakulo, kiu volas transpreni ian funkcion en la movado, donanta nek monon, nek famon"... „kiuj post longa hezito akceptas... pro sia nobla kaj pozitiva sinteno al la movado turnita al la plej estimindaj idealoj: la paco kaj kunlaboro de la popoloj kaj kulturoj..."

Post la artikolo de s-ino Lapenna tuj sekvas „Respondo de Z.Tiŝljar al la reago",( kiu estas redakciano de „Tempo"). Li skribas:

"Kiel kutime la vero estas en la mezo, sekve la legantoj mem serĉu ĝin inter la asertoj de mia artikolo kaj tiu de Emilija Lapenna".

Li daŭrigas:"...la individuoj ne povas multon fari en sociaj sferoj ...(...prezentigo de Esperanto al ŝtataj instancoj...), tion devas fari la E-organizaĵoj. Tamen, ĝuste en ili regas ĉefe (ne ekskluzive) "mediokritatoj", kiuj malebligas la seriozan antaŭenmarŝon de Esperanto"... La signifo de "mediokritato" estas "mezkapablulo, kiu pri si havas multe pli bonan opinion ol li estas". Kaj Tiŝljar konkludas: „Tiu ĉi tipo de homoj transprenas la potencon en Esperanto-organizoj kaj tial ili malprosperigas la movadon".

Fakte temis pri mezkapablaj homoj, kiuj estas bonaj E-aktivuloj, kaj pri mezkapabluloj-mediokritatoj, kiuj bremsas la E-movadon. Plej danĝeraj, laŭ ni, estas mediokritatoj" kiuj okupas salajratajn E-oficojn, kiuj laboras por mono, ne por la prospero de Esperanto, kaj se oni ne pagas al ili, ili tuj forgesos pri la IL. La artikolon "La ĝusta diagnozo" entute sen komentoj represis "Sennaciulo" de SAT (n-ro 2, febr. 1986).

I. K.

## KONTRIBUAĴO POR VORTARO DE ESPERANTAJ MALLONGIGOJ, SIGLOJ KAJ AKRONIMOJ

**Listo de Mallongigoj** (Saarbrücken,1982), kompilita de Reinhard Haupenthal, estas publikigaĵo utila por ĉiuj esperantistoj, kiuj deziras orientiĝi en la ĉiam pli vastiĝanta maro da mallongigoj uzataj en Esperanto. Mi jam verkis kelkajn artikolojn pri tiu temo (1) por kritiki la t.n. siglomanion (trouzo de mallongigoj), ĉefe, kiam mankas klarigo de la signifo. Tamen, la nombro de mallongigoj, sigloj kaj akronimoj (2) daŭre kreskas kaj minacas malfaciligi la komprenon de tekstoj en la zamenhofa lingvo, ĉar, efektive,ĉiu estas la ekvivalento de nova vorto. Se ili ne troviĝas en konsultlibroj kiel **Plena Ilustrita Vortaro (PIV)** aŭ en etnolingvaj Esperantaj vortaroj, oni devas rigardi ilin kiel neologismojn, kiuj bezonas glosadon. **Listo de Mallongigoj** estas pionira verko celanta la sisteman registron de tiuspeca lingva materialo, sed mi opinias, ke devas aperi pli kompleta verko, vera vortaro, kiun unu persono apenaŭ povas kompili. Tio estus ideala tasko por aktiva Akademio de Esperanto, sed se tiu organizaĵo ne kapablas entrepreni la redakcion, aliaj devas fari la laboron.

Ĉi-sube mi prezentas modestan kontribuaĵon aldonendan al **Listo de Mallongigoj.** Mi kolektis la donitaĵojn tre rapide dum mallonga tempo en eksperimenta maniero por akiri ideon, pri kiom da materialo ekzistas, kiu mankas en la kompilaĵo de s-ro Haupenthal. Mia listigo neniel estas kompleta, kaj post ankoraŭ du aŭ tri horoj da foliumado de periodaĵoj kaj libroj mi verŝajne povos duobligi la kvanton.Mi ne aranĝis mian materialon laŭ unu alfabeta ordo por la tuto sed laŭteme por povi pritrakti kelkajn aspektojn de la formado kaj uzado de kelkaj mallongigoj. Miaopinie redaktantoj de la vortaro de mallongigoj devas ne nur registri sed ankaŭ provi fari ordon, ĉefe malrekomendante siglojn havantajn la saman formon kun pluraj signifoj, kaj kreante novajn mallongigojn por anstataŭi tiujn, kiuj estas ambiguaj. Eble ili povos ankaŭ starigi principojn por formi mallongigojn de novaj vortoj kaj titoloj, tiel ke ili konformos simetrie al aliaj mallongigoj apartenantaj al la sama kategorio.

**A. Fakorganizaĵoj.** Ili kreskas ĉie kiel fungoj post pluvo, kaj ili estas same efemeraj, lasante post si nur siglojn, kiuj devas esti registritaj. Jen deko da novaj organizaĵoj.

| | | |
|---|---|---|
| BEL | – | Bahaa Esperanto-Ligo |
| BEMI | – | Biciklista Esperantista Movado Internacia |
| EGLI | – | Esperantista Go-Ligo Internacia |
| EVA | – | Esperantlingva Verkista Asocio |
| IAdEM | – | Internacia Asocio de Esperantistaj Matematikistoj |
| LSG | – | Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj |
| NBN | – | Asocio por la Enkonduko de Nova Biologia Nomenklaturo |
| PEM | – | Por-Esperanta Mormonaro |
| SRES | – | Scienca Rondo de Esperantistaj Studentoj |
| TEVA | | Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio |

Estas rekomendinde formi siglojn, kiuj estas facile prononceblaj same kiel vortoj; ekzemploj estas BEL kaj EVA. Alie estas necese prononci ilin laŭ la nomoj de la literoj kiel "losogo" (LSG) kaj "nobono" (NBN).

**B. Landaj asocioj kaj sekcioj.** Lastatempe fondiĝis pluraj novaj organizaĵoj en diversaj landoj. Inter ili estas la sekvaj.

| | | |
|---|---|---|
| ASE | – | Asocio de Sovetiaj Esperantistoj |

AESSR – Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko
FEB – Federacio Esperanto en Bharato (Hinda Unio)
GDREA – Esperanto-Asocio en Kulturligo de Germana Demokratia Respubliko
IEA – Islanda Esperanto-Asocio
JEL – Jugoslavia Esperanto-Ligo
JELI – Junulara E-Ligo Israela
LEA – Luksemburga Esperanto-Asocio
PakEsA – Pakistana Esperanto-Asocio
PEA – Perua Esperanto-Asocio

Okulfrapa trajta de tiu ĉi kategorio estas la ofteco de pluraj sigloj kun po du aŭ tri signifoj, ekzemple LEA. Estas eble eviti tiun ambiguecon, se la ordo de vortoj en la titolo de la organizaĵo estas modifita laŭ la sekva ekzemplo.

LEA – Laborista Esperanto-Asocio
EAL – Esperanto-Asocio de Libano
ALE – Asocio Luksemburga de Esperanto

**C. Diverscelaj specialaj organizaĵoj.** En tiu ĉi grupo troviĝas semajnfinaj seminarioj, someraj universitatoj, sciencaj kaj kulturaj simpozioj, someraj renkontiĝoj kaj tendaroj, kaj organizaĵoj de fakuloj.

AEST – Seminario pri Apliko de Esperanto en Scienco kaj Teĥniko
BET – Balta Esperanto-Tendaro
GEP – Gastejo Edmond Privat
IREN – Internacia Renkonto Naturamika
IEI – Internacia Esperanto-Instituto
ITRE – Internacia Turisma Renkontiĝo de Esperantistoj (en Ercmontaro)
SIA – Semajno de Internacia Amikeco
SUK – Someraj Universitataj Kursoj
TUSE – Turisma Semajno en Slovaka Paradizo
VEF – Vintra Esperantista Ferio

**D. Periodaĵoj.** Ankoraŭ unu riĉa fonto de sigloj kaj mallongigoj estas la nomoj de revuoj, gazetoj kaj bultenoj eldonitaj en Esperantujo.

BI – Budapeŝta Informilo
HFM – Hungara Fervojista Mondo
IE – Israela Esperantisto
JA – Juna Amiko
LF – Literatura Foiro
LKK – La Kancerkliniko
LKKK – La Kromkancerkliniko, La Kancerklinikokrestomatio
PL – Planlingvistiko
SER – Svisa Esperanto-Revuo
TAE – Transalpa Esperantisto

**E. Ĝenerale uzataj mallongigoj.** Mi ne povas listigi tie ĉi ĉiujn mallongigojn troveblajn en fakaj tekstoj, bibliografiaj referencoj kaj alispecaj literaturaj verkoj, kiuj ankoraŭ ne estas registritaj en Listo de Mallongigoj.Mi preferas rimarkigi tiujn, kiuj estas ambiguaj,aŭ al kiuj mankas ero de paro, aŭ kiuj bezonas modifon pro alia kialo.

Ak. – Akademio
Ak-ano – akademiano
Ak-anino – akademianino
d-ro – doktoro
d-ino – doktorino
d-rino – doktorino (mi ne rekomendas tiun ĉi formon, sed ĝi estas uzata same kiel d-ino)
f-lo – fraŭlo
f-ino – fraŭlino
inĝ. – inĝeniero
inĝ-ino – inĝenierino
k-do – kamarado
k-ino – kamaradino
Mag. – magistro
Mag-ino – magistrino
k.s. – kaj simila(j), kaj simile
k.sekv. – kaj sekvanta(j)

kp. – komparu
KP – Komunisma Partio
PK – poŝtkesto
PF – poŝtfako
Red. – redaktoro
Red-ino – redaktorino
NdlR – noto de la redaktoro

La uzo de majuskloj aŭ minuskloj por la mallongigoj de titoloj de personoj kaj kelkaj aliaj vortoj estas arbitra.

**Notoj**

1. Siglomanio. **L'Esperanto**, 1983,n-ro 3, pĝ. 14-15.
Mallongigita Esperanto. **Sabadell Esperantista**, 1983, n-ro 167, pĝ. 8-9
Verda alfabet-supo. **The Australian Esperantist**, 1983, n-ro 208/288, pĝ.192-193.
La problemo de enigmaj mallongigoj (aperonta)
2. **akronimo** – vorto aŭ nomo, konsistanta el la inicialoj aŭ unuaj silaboj de plurvorta nomo aŭ esprimo.

**Bernard GOLDEN**

---

## LETEROJ AL LA REDAKCIO DE „IĴ"

Kara amiko Esperov,

pasis longa tempo de kiam ni ne revidiĝis. Mi esperas ke via sanstato estas kontentiga kaj via Esperanto-agado sukcesa.

Mi legis pri via naskiĝtaga datreveno kaj sendas miajn sincerajn gratulojn postfeste. Multajn, bonajn jarojn mi deziras al vi – jarojn kun bona sanstato kaj same vigla agemo kiel ĝis nun!

Kun ĝojo mi ricevas nian "Internacia-n Ĵurnalisto"-n. Ĝi ja enhavas interesajn novaĵojn por la ĵurnalistoj-esperantistoj. Vi faras bonan kaj utilan laboron zorgante, ke ĝi aperadu. Mi tre bedaŭras, ke mi ne sendis al vi ian materialon. Sed mi klopodos pliboniĝi tiurilate en 1986.

Sincerajn salutojn!

**Olaf THORMODSEN**

Estimataj kolegoj!

Ĵus mi ricevis n-ron 4-85 de via revuo. Ĝoje mi konstatas, ke vi finfine sukcesis transiri de tajpitaj al kompostitaj tekstoj! Gratulon! Nun via revuo pli profesie aspektas kaj ne kiel provizoraĵo!

Tamen, permesu gazetaran grafikiston doni al vi fakan konsilon: Future nepre uzu nur dukolumnajn tekstaĵojn, ĉar per tio la legantaro pli facile povus penetri kaj la enhavon kaj la legaĵon. Grafika regulo eldiras, ke oni ne uzu liniojn pli longajn ol entute 60 literojn – la interspacon kunkalkulite. Krome la grafika aspekto de dukolumnaj paĝoj estas pli freŝa, pli okulfrapa, ĉu ne? Kaj, estas mia persona opinio, mi malgrandigus ankaŭ la uzitan literan grandecon. Sufiĉus certe grado de 9/10 punktoj tipografaj! Per tio vi ankaŭ ricevus pli da spaco por pluaj tekstoj, do por pli da enhavo!

Mi deziras al via redakcio forton por daŭrigi la gravan laboron!

Kolege mi salutas vin!

**Joachim SCHULZE,**
**redaktoro de „Saksa Kuriero"**

**Rimarko de la redakcio de «IĴ»:** Ni dankas al kolego Schulze pro liaj proponoj. Ni havos antaŭvide iujn el ili por nia estonta laboro.

# TRA BELA, PITORESKA KAJ ANTIKVA ITALIO

(Vojaĝimpresoj)

Kelkfoje mi traveturis Nordan Italion de Ĝenovo, Milano, Venecio ĝis Triesto. Foje per turista aútobuso mi vizitis multajn urbojn – de Venecio tra Romo – ĝis Napolo, Pompeo kaj la fama insulo Kapreo. Sed la plej agrabla estis la printempa peraúta promenado kune kun mia edzino kaj la familio de mia plej aĝa filo Emil.

De Sofio tra Jugoslavio ni pertrajne atingis urbeton antaŭ Venecio, kie atendis Emil, Rosi kaj la nepo Saŝko. Ni lasis la kofrojn kaj por ne perdi tempon ĉiuj ni ekiris al la unua mirinde interesa itala urbo Venecio. En la urbon ni eniris per aúto kaj poste per ĉarma gondolo tra la multaj famaj veneciaj kanaloj ni promenadis. Mia edzino, neniam vizitinta Italion,



*VENECIO – placo „San Marko"*

estis ravita de la urbaj panoramoj de antikvaj palacoj kaj domoj, ĉirkaúitaj de marakvaj kanaloj kaj lagoj. Per gondoloj kaj motorŝipetoj promenadas miloj da eksterlandaj turistoj. Kune kun la promenantoj ni eniris la butikojn kaj magazenojn por aĉeti variajn memoraĵojn, faldfoliojn ilustritajn albumojn, verketojn ktp. En la centro de la urbo altiris niajn rigardojn belegaj konstruaĵoj – kiel la ceteraj turistoj ankaŭ ni fotiĝas sur la brila Placo de Sankta Marko, antaŭ la katedralo, sonorilturo kun granda horloĝo, sur pontoj. Ni vizitis interesajn muzojn, la vidindan „Ponton de sopiro" k.a. kaj mia filo montris, klarigis, rakontis pri ĉiu objekto.

Ne ĉion en la urboj oni povas vidi, foti kaj rakonti pri Italio. Pro tio ni forlasis kun envio la historian urbon. La sekvan tagon frumatene ni rapide ekveturis al antikvaj urboj kaj turistobjektoj. Ni haltis iom en la urbo de la famigitaj de la genia Ŝekspiro Romeo kaj Julia – Verona kie dueliĝis la ĉefoj de la familioj Montekoj kaj Kapuletoj – la patroj de la geamantoj tiel tragedie mortintaj kune. Jen la placeto kun la domo de Julia, tra kies balkono Romeo vizitis sian amatinon. Proksime estas la arkoj de la Skalireroj apud rivero Adiĝo estas ilia kastelo de la 14a jarcento.

En la rimarkindan urbon Bolonjo (Esp. trad. – belega) ni eniris por vidi la famajn mezepokajn domojn kaj monumentojn. En tiu granda urbo estas la fama universitato, fondita antaŭ 1200 jaroj. En ĝi dum 13a jarcento studis 10000 studentoj, sur ĝiaj mallarĝaj stratoj ambaúflanke la 3-4 etaĝaj domoj estas kunligitaj per longegaj volvokaj arkoformaj kolonaroj, longajn 35 km. Tial la urbanoj ne bezonis pluvombrelojn kiam pluvas. Majeste laŭtiĝas la komponaĵoj de Bach kaj aliaj komponistoj. Bolonjo estis unu el la centroj de la partizanaj kontraúfaŝistaj kaj kontraúhitleristaj taĉmentoj. Tion ni konstatas sur la „Placo Maĝore" kun la rimarkinda ŝprucfontano de dio Neptuno, kie estas eksponitaj la fotoj de 2084 popolbatalintoj, inter kiuj 128 virinoj.

Okcidente, sur rokaj nestoj vidiĝis la kasteloj, turoj kaj domoj de la mezepoka urbo-respubliko San Marino. Kial ne viziti ankaŭ tiun sendependan veran po-



*SAN MARINO – milicgvardianoj antaŭ la registara palaco*

polrespublikon. Emil lerte direktis la aŭton tra verdaj kampoj kaj vilaĝoj al mirakla urbo-ŝtato, kies civitanoj liberame defendis ĝin per sia braveco kaj altaj fortikaĵoj kontraŭ mezepokaj kaj pli modernaj invadantoj. Sur la monta tereno modernaj ŝoseoj mankas. Tra mallarĝaj stratetoj ni supreniras preter mezepokaj belaj domoj, ŝtonaj defendmuroj kaj turoj. Ĉie svarmas turistoj el la tuta mondo, vizitantaj la belajn restoraciojn, buntajn magazenojn kaj butikojn, aĉetantaj memoraĵojn – ilustritajn poŝtkartojn kaj albumojn, skulptaĵetojn kaj alion laŭbezone. Inter turistoj kaj civitanoj moviĝas aŭ staras surpostene bele kolorvestitaj sveltaj kaj graciaj milicgvardianoj, zorgantaj pri la bonordo kaj trankvileco en la urbo. Nia grupeto vizitis muzeojn, palacojn kaj kastelojn observante de supre belegajn panoramojn de verdaj kamparoj kaj arbarmontaroj oriente ĝis la bluaj akvoj de Adriatika Maro. . . Oriente etendiĝas herbejoj, vilaĝetoj, urboj, ŝoseaj serpentoj ĝis la Apenina montĉenaro. Ni tranoktis en bona kaj pura hotelo kun komplezaj oficistoj, kun kiuj nia babilema nepo ĉirpadis en bona itala lingvo. Li jam kvin jarojn lernas en Romo kun italaj geknaboj. Frumatene ni adiaŭis la belegan respublikon, en kiu la regantoj estas socialistoj, komunistoj kaj aliaj maldekstruloj. En ĝi – la esperantistoj certe scias tion – jam estas establita Internacia Scienca Akademio, kie oni povas eĉ science doktoriĝi.

La serpentumanta ŝoseo malsupreniras al la valo kaj al la eminenta trezorejo, kie muzea toskana belulino Florenco (Firence), renesanca urbo, kiu forte influis la disflorôn de la Renesanco en la ceteraj eŭropaj landoj. Tuta tago ne sufiĉis al ni viziti kaj trarigardi famajn palacojn, placojn, katedralojn monumentojn, riĉajn muzeojn... Ankaŭ ni unue iris al la eminenta, brila „Palaco de la Sinjoria", kie vidiĝas la belega „Fontano de Neptuno", la majesta Katedralo kaj ĝia Sonorilturo de Giotto la skulptaĵo de la juna David kun sia ŝtonĵetilo, per kiu li mortigis Goliaton (ĝi estas kopio – parto de la fama verko „David" de Mikel Anĝelo. Sur la apuda strato troviĝas bustoj de plej famaj iamaj sciencistoj, skulptistoj, pentristoj, poetoj. Mirante ni trapasis sur la unika ponto „Santa Trinita"



**FLORENCO – Sonorinturo de Giotto**

(Vekio) la riveron Arno. Ambaúflanke de la ponto – ĉefverko de Ammannati (1569) estas butikoj por suveniroj. Ni preteriras ilin kaj eniris en la belegan vastan parkon de la palaco-muzeo Pitti, kie ni rigardadis la majstrecajn eksponaĵojn. Poste de la alta riverbordo de Arno nin ĝuigis la sorĉa panoramo de la historia Florenco, en kiu ni vidis ĉefverkojn de Ticiano, Mikel Anĝelo, Leonardo kaj aliaj renesancaj majstroj.

Ivan ESPEROV

## GRANDA FAKA BIBLIOGRAFIO DENOVE HAVAS ESPERANTAN SEKCION

Verŝajne la plej granda kaj kompleta jara bibliografio de verkoj pri la lingvo kaj literaturo de Esperanto estas tiu, kiu aperas en **MLA International Bibliography of Books and Articles on the Modern Languages and Literatures.** Ĵus aperis tiu giganta kompilaĵo por la jaro 1984. En kvin volumoj, la verko listigas iom pli ol 43 000 sciencajn artikolojn kaj librojn, kiuj aperis dum la jaro, en la jenaj fakoj: (1) Literaturoj de la Brita Insularo, Brita Komunumo, Angla Karibio kaj Usono; (2) Eúropa, Azia, Afrika kaj Sudamerika Literaturoj; (3) Lingvistiko; (4) Ĝenerala Literaturo; (5) Folkloro.

La plej granda koncentriĝo de verkoj en kaj pri Esperanto aperas en la tria volumo, en sekcio nomita "Helpaj lingvoj, internaciaj lingvoj". Eroj 9524–9537 listigas verkojn pri interlingvistiko ĝenerale. Eroj 9540–9795 konsistas el verkoj specife pri la lingvistiko de Esperanto. Poste sekvas eroj 9796–9810 pri aliaj projektoj de internaciaj lingvoj.

Tiu ĉi sekcio estas tamen nur parto de la tuto. Dise tra la volumaro, precipe en la dua kaj kvará volumoj, aperas pliaj eroj Esperantaj. Ili estas troveblaj per ampleksega temo-indekso de 2992 kolumnoj sur 1496 paĝoj, kiu sendas la uzantojn al Esperantaj verkoj en aliaj partoj de la bibliografio.

Ĉio kune donas bonan superrigardon de la laboro de niaj esperantologoj dum la koncerna jaro.

Estas kompreneble tre grave, ke esperantologoj kaj aliaj fakuloj ja konsultu la bibliografion, kaj ankaú atentigu la kompilantojn pri mankantaj eroj. La potencialo de la bibliografio estas grandega – interalie pro tio, ke ĝi estas nun komputile alirebla kaj sekve trasercebla – kaj ni estas bonŝancaj, ke MLA pretas dediĉi tiel detalan atenton al nia fako (pli detalan ol ĉe kelkaj aliaj fakoj). Tamen, ne temas pri tio, ke MLA faras komplezon al Esperanto, sed ke esperantologio kaj la lingvo Esperanto estas akceptataj samrange kiel aliaj fakoj kaj lingvoj.

La adreso de d-ro Tonkin, al kiu oni sendu kompletigojn kaj atentigojn pri eraroj aú mankoj, estas: Office of the President, State University College, Potsdam, NY 13676, Usono.

## PROF. PEEVSKI – 80-JARA

La meritplena bulgara internacie rekonata sciencisto kaj esperantisto, prof. d-ro h. c. Vasil Peevski, fariĝis 80jara la 7an de septembro 1985. Li i.a. estis prezidanto de la Internacia Federacio de geodezistoj. Dum Universalaj Kongresoj prof. Peevski prezentis kelkajn prelegojn kadre de la Internacia Kongresa Universitato. Aparte grava estas lia rolo kiel ĉefredaktoro de la „Scienca Mondo", la esperantlingva varianto de la organo de la Monda Federacio de Sciencaj Laboruloj.

Al la jubileanto TEĴA deziras sanon kaj sukcesan laboron.



**Mikola LUKIV**

## LA GEPATRA TERO

*Estas tero,*
*el kiu ni venis kaj kien revenos ni.*
*Estas ter'*
*kaj sen ĝi ni nenion signifus en mondo.*
*Tero sankta,*
*la Fajro Eterna je ĝi, —*
*kaj markita sur karto*
*per sangokolor' en homrondo.*

*Kiu ofte intencis*
*subigi ĝin per la armil',—*
*cindron lian delonge*
*forblovis jam vento.*
*En la grandfamili'*
*ni prosperas en pac' kaj jubil',*
*brilas alta fratec'*
*super ni sur la stelfirmamento.*

*Niajn tagojn,*
*atingojn*
*ĝisfine fordonas al ĝi.*
*Niaj pensoj*
*kaj agoj kaj koroj ĉe ĝi gardestaras.*
*Ter',*
*el kiu ni venis kaj kien revenos ni,*
*ĝi je bono de l'homoj*
*terglobaj neniam avaras.*

**El la ukraina lingvo tradukis:**
**NADIA ANDRIANOVA**

## R A D I O

### 30 000 Esperanto-elsendoj el Varsovio

Antaŭ nelonge la Esperanto-Redakcio de Radio Polonia solenis sian 25-jariĝon (en 1984) kaj samjare oni aŭdigis la 25-milan E-elsendon. Sed la tempo pasas rapide kaj jen evidentiĝas, ke ĉi-jare RP aŭdigos la 30-milan disaŭdigon en la Internacia Lingvo. Tiu jubilea disaŭdigo pasos la 26-an de julio 1986, kaj do ĝi kongruos kun la datreveno de la apero de la Unua Libro de d-ro Zamenhof kaj enpaŝo en la Jubilean Jaron. Hazardo, sed ja agrabla! La 30-mila disaŭdigo estos tiu je la 19.30 laŭ la Universala Tempo kaj ĝi havos duoble solenan karakteron pro la Jubilea Jaro. Ĝi estos ripetita kelkfoje.

La unua aŭdigo estos sabate 26.7. sur la frekvencoj 7 285 kHz kaj 6 095 kHz (ondolongoj respektive 41,18 kaj 49,22 metroj). Ripeto dimanĉe 27.7 je 5.30, 11.00 kaj 16.30 laŭ la Universala Tempo. La ondolongojn volonte informas laŭ peto: Radio Polonia, Esperanto-Redakcio, Box-46, PL-00-950 WARSZAWA, Pollando.

Bonvolu informi pri la jubileo viajn geamikojn, samklubanojn, kursanojn ktp.

### 100-mila letero al la E-Redakcio de Radio Polonia

En la pasinta jaro 1985 la E-redakcio de RP ricevis 11 032 korespondaĵojn kaj unuafoje en la historio de la elsendoj ĝi okupis la unuan lokon inter la redakcioj de la tuta eksterlanda fako de Pola Radio kaj Televido. Plej multe da korespondaĵoj venis el Federacia Respubliko Germanio, Finnlando, Sovetunio, Ĉeĥoslovakio, GDR, Nederlando kaj Britio. Ĝis la fino de decembro en 1985 la E-redakcio ricevis entute 95 450 korespondaĵojn dum sia historio ekde 4.4.1959. Ĉar la nombro de la aŭskultantoj konstante kreskas, oni antaŭvidas, ke la 100-mila korespondaĵo venos en majo 1986. Ni rememorigu, ke la unuan leteron, kiu venis, skribis Michael Dartige el Francio.

### Koncerto kun bondeziroj – uzu la servon

Pola Radio peras bondezirojn inter siaj aŭskultantoj en sia Koncerto kun bondeziroj. La unuafoja elsendo de tiu programero okazadas lunde je 22.30 laŭ la finnlanda vintra tempo. Se oni mendas la bondeziron sufiĉe frue, la redakcio sciigas la salutoton. Mendante, menciu la nomon kaj adreson kaj ankaŭ ties elparolon de la salutota persono. Eblas ankaŭ peti laŭtlegi mallongan mesaĝon. La redakcio disponigas ankaŭ specialajn mendilojn por la koncerto. La adreso de la redakcio troviĝas supre.

## NOVAJ INFORMBULTENOJ DE BEA

Fine de 1985 ekaperis tri novaj informbultenoj de Bulgara Esperantista Asocio. Du el ili aperas en bulgara lingvo – „Informacionen list „Esperanto"(Informa folio „Esperanto") kaj „Esperanto progresira" (Esperanto progresas), kaj estas destinitaj por la centraj kaj provincaj amaskomunikiloj.

La tria bulteno „Asocia Informo" aperigas materialojn en bulgara lingvo kaj Esperanto.

„Informacija „Esperanto", 12 p., formato A4, aperas ĉiumonate kaj respegulas la aktualajn E-eventojn en-kaj eksterlande, publikigas intervjuojn kun elstaraj esperantistoj, mencias novaperintajn librojn k.a. Redaktoro de la bulteno estas Slavĉo Davidov.

„Esperanto progresira", 16 p., formato A5 aperas periode. Ĝi represas en bulgarlingva traduko valorajn publikaĵojn el la internacia E-gazetaro, aparte emfazante la disvastigon de Esperanto tra la mondo,la instruadon de la Internacia Lingvo en la lernejoj kaj universitatoj, la agadon de landaj E-asocioj, la aplikon de Esperanto por profesiaj celoj. Ĉi-periodaĵon redaktas Petár Todorov, Georgi Miĥalkov kaj Evgeni Georgiev.

La tria bulteno – „Asocia Informo", 16 p., formato A5, estas eldonata ĉiumonate kaj servas por organizaj celoj de Bulgara Esperantista Asocio. En tiu bulteno oni publikigas materialojn kaj instrukciojn helpe al la bona organiza aktivado de distriktaj kaj societaj estraroj. Ofte la tekstoj de iuj kontribuaĵoj estas ilustritaj per fotoj.

**Evgeni GEORGIEV**

---

## DANKESPRIMO

Ivan Keremidĉiev - Esperov kaj Donĉo Ĥitrov esprimas elkoran dankon al ĉiuj, kiuj sendis al ili gratulojn kaj bondezirojn okaze de iliaj jubileoj.

## «KURIERO» ANKAŬ EN HAŬSA LINGVO

*«Unesko-Kuriero»* aperas nuntempe en 31 lingvoj: franca, angla, hispana, rusa, germana, araba, japana, itala, hindia, tamila, persa, hebrea, nederlanda, portugala, turka, urdua, kataluna, malaja, korea, súahila, kroata, serba, makedona, slovena, ĉina, bulgara, greka , sinhala, finna, sveda, eúskera (=baska).

La ĝenerala konferenco en Sofio decidis eldoni ankaŭ en la haŭsa lingvo, kiu estas unu el la laborlingvoj de la Organizo de Afrika Unueco. Per tio, por afrikanoj la revuo legeblas haúse en Okcidenta Afriko.

**El «UN kaj Ni», n-ro 40/1986**

## LIBRO DE BLANKE APERIS

Fine de 1985 aperis en la eldonejo Akademie-Verlag Berlin (GDR) 408-paĝa germanlingva libro sub la titolo "Internationale Plansprachen Eine Einführung"(Internaciaj planlingvoj. Enkonduko) de Detlev Blanke. La libro traktas la fenomenon de konscia interveno de la homo en la lingvon, la fenomenon de konscie kreita lingvo (=planlingvo) prezentas, sub sociolingvistika aspekto, la plej gravajn planlingvojn kaj detale traktas Esperanton. La volumo enhavas 2000-eran bibliografion en 23 sekcioj kaj personan kaj objektan indeksojn. Ĝi kostas 32 markojn aŭ 35 guldenojn. Mendebla ĉe UFA.

---

## FORPASIS ANĜELO AGOSTI

Nia amiko kaj kunhelpanto kaj peranto Anĝelo Agosti – itala esperantisto, multajn jarojn loĝanta en u. Turmorend, Nederlando, forpasis. Post kvar monatoj bedaŭrinde forpasis ankaŭ lia fidela edzino Rita.

Al iliaj parencoj kaj gesamideanoj ni esprimas niajn profundajn kondolencojn!

**„IĴ"**

## AFORISMOJ

Milito detruas ne nur pasinton, sed ankaŭ estonton.

* * *

Milito defektas ne nur korpon, sed ankaŭ spiriton.

* * *

Milito estas abomena kaj sensenca. Noblaj estas nur liberigaj militoj, kiam popolo forĝetas la jugon de subpremanto. Sed ĝi ne plu estas milito, ĝi estas revolucio.

* * *

Forto estas limigita, malforto — ne.

* * *

Amo postulas pli da energio ol malamo.

El la latva: **Mirdza BURGMEISTER**

# Ricevitaj esperantaĵoj

— **Bulgara nuntempa poezio kaj prozo.** Antologio, 238-paĝa volumo, luksa eldonaĵo de Sofia-Pres, presita en ŝtata presejo „Balkan". Enhavas beletrajn kaj poeziajn verkojn de 64 nuntempaj bulgaraj verkistoj, tradukitaj de elstaraj bulgaraj E-prozistoj kaj poetoj.

— **Dokumentaro** de la 41a kongreso de Bulgara Esperantista Asocio. La 156-paĝa volumo enhavas ĉiujn plej gravajn kongresajn dokumentojn — raportojn, eldirojn,rezolucion, nomarojn ktp. Eldono de CE de BEA.

— **Ŝtelisto de persikoj** — romano de la bulgara verkisto Emilijan Stanev-elektitaj noveloj kaj rakontoj. El bulgara tradukis Asen Grigorov, kompilis P.Todorov. 132 paĝoj, bona eldonaĵo de Sofia-Pres, kun enkonduka artikolo de akademiano Petár Dinekov pri la aŭtoro.

— **Laktisto de Mäeküla** — romano de Eduard Vilde, 256-paĝoj, tradukis el estona Valev Kuusalo, kun postparolo de Aadu Hint, Eldono de "Eesti Raamat," Tallinn 1983.

# el nia leterkesto

— **N.D-skij, Riga, USSR.** Viaj leteroj venas regule, nelegeblaj bone. Ilin el ili provizore malaperis kaj poste apeŕis. Tial malfruiĝis materialoj pri Ĉupin kaj aliaj temoj. Tial, bv sendi ĉion nur laŭ la adreso de "Int.Ĵ-sto". Pri "jubileanto" vi pravas. Dankon pro ĉio.

— **M.Burgmeister, USSR.** La aforismoj aperas. Dankon.

— **An.Gonĉarov,USSR.** — Via "demandilo" ricevita. Dankon.

—**A.Ojalo, USSR.** — Kaljusaar estas malnova membro de TEĴA. Pri la membrokotizo — agu laŭ la indikoj de NFD.

— **J.Schulze kaj O.Stolberg, GDR** — Viaj leteroj kaj kontribuaĵoj ricevataj regule. Tamen estas ankaŭ aliaj kunlaborantoj. Dankon pri la gratuloj. Nia ĉefredaktoro partoprenos "IFER-87"! Pri la nova asocio ni ne rapidas. Ni atendas la rubrikdesegnaĵojn. Dankon pro viaj opinio kaj rekomendoj konekse la redaktadon de nia organo.

— **Miloslav Šváček,ĈSSR, Karl Lenger, Aŭstrio kaj Peter Günter,FRG** — Viaj adresoj korektitaj.